Nal. poczt. opł. rycz.

# JUNA ESPERANTISTO

INTERNACIA MONATA — JUNULARA REVUO.

OFICIALA ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTO-JUNULARA ASOCIO.

Jaro I. Majo 1933. Nr. 4

REDAKCIO-ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LELEWELA 9 m. 2. (POLLANDO).

| Jarabonprezo en Pollando 4 zł. | ĈEFREDAKTORO: | Poŝtĉekkonto: |
|---|---|---|
| „ eksterlande 2,50 sv. fr. | EMIL MAYER | Kraków P. K. O. Nr. 413.944. |




**Rio de Janeiro** ĉe la belega insulriĉa golfeto. La urbo radianta Esperanton en Brazilo. Lasttempe pola aviadisto s-ro kap. S. Skarżyński transfluginto Atlantikon 8. V. 1933, de Warszawa al okcidenta Afriko kaj finetape al Brazilo (3.600 km. dum $19\frac{1}{2}$ h. vizitis tiun-ĉi urbon.

## Junulara movado esperantista

1. La esperantista junularo estas karakterizata per la impulso devenanta el la esperanto movado. Ĝi impulsas al nova mondobservado, kiu subite senbride vojpioniras, krianta al libereco, kolektiĝanta milojn, kiuj ne plu estas reteneblaj.

2. La juna esperantistaro estas internacia portanto de la monda junec - penso, en ĝi ĉiu same estas portulo malkonscia. Ĝi efikas samdirekte sub la sankta esperantista devo pelata de nerezistebla ĉarmo. Junular - movado esperantista estas freŝjuna mondestra spirito.

3. En la esperantista junularo estas frapanta vivo, fortplena disvol-viĝo de propreca maniero kaj firma amekica, frateca kunesto. Ĝi vivas en absoluta konvinko de ĉia vera farado kaj havu kompateman rideton pri la agado de la aliuloj.

4. Ĝi estas la neigo de la kaduka malnovtempa kutimo, ĝi estas sturmanta atako je putriĝantaj kutimoj kaj moroj je la ekzistanta ordo de la aĵoj kaj lingvaj aferoj. Ĝi estas la fiera mondjunularo, kiu ne volas presti antaŭjungitajn servojn al la reakcio.

5. La esperantista junulara movado scias nenion de ĉiaj ajn katenojn. Ĝi nur konas la memelektitan potencordon — Esperanto — la movado tutmonda, kaj honoras ĝian estron-kreinton L. L. Zamenhof, la majstron. Esperantista junularo movado estas homarista memedukado!

6. La esperanta junularo ne migras sur bonpreparita strato, sed ĝi trarompas la streĉoplenajn malhelpaĵojn survoje. Pro tio ĝi estu ne unuflanka, sed multflanka.

7. Finfine ĝi estas la sekreta konspiro mondjunulara kontraŭ la publika potenco de la pratempa spiritvivo, ĝi estas „Ver sacrum“ = "Sankta printempo“, floroza vivo kun plenfruktoj por ĉiu unuopulo!

Ervino Grundmann - Dresdeno

## Averto kontraŭ troaj neologismoj!

Ni atentigas la esp. grupojn, ke ili malhelpu la disvastigon de nenecesaj kaj malfacilaj novaj vortoj por jam ekzistantaj, (per kunmetaĵoj kaj derivaĵoj faritaj) esperantaj vortoj. Tiuj nur malcifaligos kaj komplikigos nian lingvon. Kiu kutimis uzi ekzemple la „mal"—vortojn, ne pli ofre intermiksas ilin, ol aliajn vortojn, ekzemple la simplajn vortojn, pronomojn!

Junuloj, legu tiajn literaturaĵojn, kiuj estas fidelaj al Zamenhofa principo: per malmultaj vortoj multon esprimi!

*J. E.*

## VARB-KONKURSO!

MAJO-JUNIO-JULIO.

Por pligrandigi la nombron de J. E. abonantoj — Eldonejo de „Juna Esperantisto" aranĝis varbkonkurson alvokante —

ĉiu esp. junulo estu abonanto de J. E.

ĉiu amiko de junularo estu apoganto de nia sola internacia esp. junulara revuo.

Jen la okazo helpi al disvastiĝo de nia revuo. Nur de la pligrandigo de J. E. abonantoj dependas ĉefe la plibonigo, pliamleksigo kaj la certeco de la regula aperado de nia gazeto. Bonvolu do amase partopreni en varbado de la abonantoj por J. E. Helpu laŭpove por ke ni povu eliradi regule dum nunaj krizaj tempoj. Ne permesu malaperigi nian revuon ĉies helpo estas danke akceptata.

1) ĉiu varbato ricevos belan serion da krakov — vidaĵoj.
2) ĉiu nov-varbito ricevos belan vidaĵon de Pollando.
3) ĉiu, kiu varbos aŭ ekabonos 5 tutjarajn abonojn por J. E. ricevos (6-an) jarabonon senpage.
4) ĉiu, kiu varbos 10 duon-jarabonojn ricevos aldone (1 jarabonon) senpage.

Esperanto-propagandistoj, grupoj, rondoj kaj kursgvidantoj uzu servojn de varbkonkurso!

Eldonejo de „Juna Esperantisto".

**ATENTU TEJA-ANOJ! Se eble ni aranĝos fak-kunsidon dum XXV-a U. Kongreso de Esperanto en Köln — Sciigu pri Via partopreno al: Centra Oficejo de T. E. J. A.**

## Plenumu Vian devon!

Aro da TEJA-anoj ne jam pagis sian kotiron. Ili devas ja kompreni, ke gazeto nia „Juna Esperantisto" malgraŭ la honora laboro-redakcia, kostas al ni ne nur penadon sed ankaŭ monon. Nombro de asocianoj tion komprenas kaj pagis sian kotizon tuj kaj bonvole, konsciaj ke tiel agante ili plenumis utilan faron, ebligante la vivon de nia sola internacia junulara organo: aliaj ne jam agis tiel, eble pro forgeso, ĉi tiujn ni nepre invitas por senprokrasta alsendo de sia TEJA-kotizo $1^1/_2$ sv, fr. — kaj — 2.50 sv. fr. por jarabono de J. E. (sendu egalvaloron al vialanda reprezentanto) aŭ al **Centra Oficejo de T. E. J. A.** Se ĉiuj plenumos sian devon, ni ne bezonus gardi je morgaŭ.

Al tiuj, kiuj persistos ne pagi ni ne plu povos daŭrigi sendi nian gazeton.

**Oni Pagu Do Tuj!**

## Gravega tutmonda sukceso pri uzo de Esperanto.

La reĝa hungara poŝto sekvis grandskale la ekzemplon de princlando Lichtenstein kaj eldonis multajn specojn de bild-poŝtkartoj el belaj lokoj de Hungarujo — prola skolta mondjamboreo ankaŭ pri Gödöllo — krom la oficialaj hungaraj kaj francaj tekstoj ankaŭ kun esperanto-tekstoj. Car Hungarujo estas memstara lando, membro de Internacia Poŝta Unio, tiu oficiala enkonduko de Esp. sur kartoj, ĉie vendotaj, sed plej unue ĉe la ĵamboreo. estas grava progreso pri uzo kaj enkonduko de Esperanto. La reĝa poŝta direkcio, kiu apartenas al la komerca ministerio, eldonis pri tio oficialan dekreton. La kartoj estas kun 16 fileraj poŝtmarkoj.

Skoltoj, trupoj kaj grupoj salutu je tiu okazo oficiale en letero esperante aŭ nacilingve la Hungaran Reĝan Poŝtdirekcion, aperigu pri tiu novaĵo artikolojn detalajn en skoltaj kaj naciaj gazetoj kaj tagĵurnaloj (sendu nron el aperintaj artikoloj al la poŝtdirekcio kun letero) kaj uzu la kartojn ĉe la ĵamboreo. Ankaŭ petu hungarajn korespondantojn, ke ili sur tiuj kartoj skribu! Montru ilin kaj la belecon de Hungarujo, kiu el la mezgrandaj ŝtatoj unue oficiale ekondukis Esperanton. Motivo estis: la hungara lingvo, kiel ŝtata kaj la franca, kiel oficiala de la Poŝtunio, estis deviga, sed por ne ofendi iun nacion kaj ne povante uzi ĉiujn lingvojn, kiel tria: la neŭtrala Esperanto por anstataŭi ĉiujn aliajn. Ja Esperanton ĉiu inteligenta homo komprenas! Aliaj landoj espereble imitos la ekzemplon! Helpu ĉiuj, jen okazo!

Ĉiuj Esp. gazetoj represu!

## Bonvolu atenti:

La ĉefdelegito por Germanujo ordonas kaj deziras:

1. La regionaj kaj lokaj delegitej de Germanujo devas pagi la kotizojn en estonteco nur al mia poŝtĉekkonto Stettin 15892. Tiamaniere oni sparas la multekostajn sendkostojn al la eksterlando.

2. Ĝis la 15 a de Junio mi deziras mallongan raporton de ĉiuj delegitoj (lokaj kaj regionaj) pri nia movado en la urboj, nombro de la lokaj membroj de T. E. J. A. kaj eble adresojn de amikoj en aliaj germanaj urboj.

3. Kiu varbos pli ol 5 membrojn ricevos premion de mi. Delegitoj laboru por nia ideo, unuigi la tutan Esperanto-Junularon de la mondo! Mi atendas vian raporton.

**Gerhard Schramm**
ĉefdelegito por Germanujo
Stettin-Grabow Kochstr. 17

Ni petas la estimatan delegitaron, regule sendi siajn raportojn al la C. O.

* * *

Ne forgesu pagi vian jarkotizon kaj abonon por tiu ĉi jaro!

La jarkotizo de TEJA estas 5 internac. respondkuponoj, t. e. 1·50 sv. fr.

* * *

Al ĉiuj demendoj al la Centra Oficejo bonvolu kunmeti respond-pagilon!

# Tutmonda Esperanto-Junularo Asocio

**Prezidanto: D-ro William Perrenoud.**
**Centra oficejo: Rudolf Kutzli, Scheibenackerstr. 6, St. Gallen SVISLANDO.**

## Kelkaj fundamentaj principoj de Teja.

1. Ni estas realistoj. Ni klare konscias la malfacilecon de l'esperantista laboro. Ni scias, ke miljara problemo de la homaro (la diverslingveco de la popoloj) ne povas esti solvata dum unu generacio. Ni konas la inertecon de la mondo por aferoj plej bonaj en si mem, se tiuj aferoj kontraŭdiras la rutinon. El la registaroj de grandaj ŝtatoj ni atendas tre malmulte kaj ni ne almoz-petos de ili la „oficialigon" de nia lingvo.

2. Ni estas deklaritaj idealistoj, kaj ni ne hontas pri tiu nomo. Realismon kaj idealismon ni ne rigardas kiel neakordigeblaj. Ambaŭ estas necesaj al la homo, kvazaŭ realismo estus la dekstra mano kaj idealismo la maldekstra. Kial ne uzi ambaŭ? El la idealismo ni ĉerpas forton kaj inspiron por venki la realon. Ni havas idealon klaran kaj precizan:*) la homeco.

3 Ni estas nek reakciuloj, nek revoluciuloj. Nia labormetodo estas diktata de la naturo mem kaj de la vivo. Ĝi konsistas el evolua konservemo, egale malproksima de rigideco kaj de ĉion-renversado. Ni ne rigardas la mondon kvazaŭ ĝi komenciĝis kun ni. Por ĉio bela kaj bona, kion kreis antaŭaj generacioj aŭ alilokaj popoloj ni havas profundan dankon kaj admiron Sed niajn problemojn ni penas solvi propra-juĝe kaj en stilo nuntempa.

4. Ni celas al nobleco kaj fiereco, kaj malaprobas malgrand-animan kaj malalt-nivelan komprenon de la vivo. Ni forĵetas la politikon de rampado antaŭ la potenculoj de la mondo. Ni nek fanfaronos, nek humiliĝos. Ni malŝatas perfortecon kaj ĉian devigan premadon aŭ trudadon. Tiajn rimedojn ni tamen ne hezitos uzi, kvankam kontraŭvole por nia defendo, se ĉiuj aliaj rimedoj restas senefikaj.

5. Libereco kaj disciplino. La necesan kunligan forton inter samideanoj ni trovas en la spirito de kunlaborado Ni rifuzas kredi ke la destino de esperantistoj konsistas esti aro da malspritaj ŝafoj post kelkaj paŝtistoj-komandantoj. Naŭzas nin tia stato. Kontraŭe, ni vidas la estontecon de nia movado en la individua iniciatemo kaj en la kuraĝo persona de niaj membroj. Ĉiu komencu tuj agi, prudente kaj singarde, konforme al la unuiga spirito de nia asocio, tio estas la idealo de homeco. Pri metodoj de agado ni parolos ankoraŭ ĉe alia okazo. Per la vorto disciplino ni komprenas esence tium mem-volan konformiĝon al la spirito de Teja kaj la akuratan plenumon de l'malmutaj, sed gravaj, administraj devoj.

6. Idea valoro de Eseranto. Ni ne ĝojas, kiam iu negocisto faras al ni la „honoron" nomi specon de cigaro „Esperanto" aŭ alie malnobligas nian aferon per fi-uzo de ĝia nomo. Ni akcentas, ke la ĉefa valoro de Esperanto estas idea, spirita, pensa. Uzadon de nia lingvo por celoj nepre kaj ekskluzive materiaj ni rigardas kiel nedezirinda.

7. Sintezo kaj sinteno. Eble iam pli malfrue la tasko de esperantismo signifos kreadon de io tute nova kaj originala. Nun, dum ni staras ankoraŭ en la komenco, ni unue faros jam uzon de tio, kio ekzistas de longe, t. e. ni penos enkorpigi en nian aferon la plej bonan de ĉio ĝis nun akirita de la homaro. El la plej bonaj homoj jam multaj antaŭsentis la idealon, kiu nin inspiras. Sed mankis tiam la rimedo, kiun ni posedas, por esprimi forte kaj efike tium sintezon. Ĉiu Teja-ano ne perfidu sian gentan aŭ rasan kulturon, sian amon al la naska tero. Male, li montru en nia rondo siajn plej belajn apartecojn. El tio riĉiĝos nia entrepeno. Tiun kuraĝan, personan kaj noblan konduton ni nomas la vera esperantista sinteno. Kiu akiris ĝin, tiu jam plu ne aperos kiel sensprita balbutulo, sed impresos per sia karaktero kaj faros al nia afero pli da bono, ol dekduo da vantemuloj. William Perrenoud.

*) Homeco estas por ni identa kun la „interna ideo" de Zamenhof kaj konsistas esence el la kulturo de ciuj homaj kapabloj korpaj kaj spiritaj, sed precipe de la plej altaj el ili, kiuj estas karakterizaj de la homa speco, ekz. nobleco, liberemo, helpemo, boneco.

## Sciigoj de la Centra Oficejo.

Post Pentekosto la statuto de Teja estos finitaj. Tute intence mi prokrastis iomete la aferon, ĉar ni volis kolekti spertojn, sugestojn kaj konsilojn, antaŭ ol eble fari netaŭgan laboron.

Ne estas ĉefaĵo por nia Asocio, ke ĝi posedas statuton, ke ĝi havas elektitan komitaton, sed ke ĝi estas gvidata de Centra Oficejo, kiu certe solvos la malfacilan taskon de reorganizo kaj rekonstruo de la Teja-domo.

Tamen ni ne povas efektivigi niajn dezirojn, se ni ne estas forte apogadaj de ĉiu bonvola kaj helpema Esperantisto, ĉu juna ĉu maljuna.

Sekan inter alie la bonan ekzemplon de la nova germana ĉefdelegito S-ro Gerhard Schramm en Stettin, kiu ĝoje akceptis sian oficon kaj promesas, energie kaj celkonscie labori por Teja.

- Ĉiu skribu tuj al la Centra Oficejo.
- Ĉiu aliĝu tuj al Teja.
- Ĉiu abonu tuj „Juna Esperantisto".
- Ĉiu sendu raportojn pri la agado de junularaj grupoj de sia urbo.
- Ĉiu verku artikolojn por J. E.
- Ĉiu montru, ke li estas bona Esperantisto kaj Tejano.
- Ĉiu varbu, propagandu kaj kolektu membrojn, abonantojn kaj subtenantojn.
- Ĉiu nova Tejano akceptu mian sinceran kamaradecan saluton kaj bonvenon en nia rondo.

**por la Centra Oficejo: Theo Kutzli dir.**

## Novaj delegitoj:

**Estonio:** *Tallinn*. Elisabeth Hübek (instr.) loka deleg. Kopli 78-30.

**Svisujo:** *Gossan 9*. Maria Ege, Gallenstr. 908, loka delegito.

**Interesiĝantoj,** kiuj vere volas helpi al nia asocio, kaj serioze gvidi la propagandon en siaj landoj, bonvolu sendi al la C. O detalan, personan priskribon kaj anoncigi sin kiel kandidato! Ankaŭ junuloj povas en kelkaj kazoj sin pretigi por tiu honora ofico.

# TRA ESPERANTUJO.

## Reorganizo de la Esperanto-Movado.

Dum la 24-a Universala Kongreso de Esp. okazinta en Parizo estas ekceptita rezolucio por nuligi la kontrakton de Helsinki kaj reorganizi la Esp. — movadon, bazitan sur principo, ke estu nur unu internacia organizaĵo (U. F. E.) Universala Federacio Esperantista, kiu plenumu la nunajn devojn de (I. K, U.) Internacia Centra Komitato, (U. E. A.) Universala Esperanto Asocio kaj (K. R.) Konstanta Reprezentantaro. U. F. E. jam komencis funkciadi.

**Francujo.** — F-ino Lidja Zamenhof gvidis sukcesplenan kurson en Lyon kun 170 p. La Urba konsilantaro subvenciis la kurson per 1.000 fr. kaj starigis krome oficialan urban kurson de Esp. al. kiu ĝi destinis 2.000 fr.

**Hungarujo.** — En Budapest fondiĝis Hungara Esp. Pedagogia Societo, al kiu aliĝis jam pli ol 160 prof. kaj instruistoj.

**Hispanujo.** — La Hispana Esperanto-Asocio ĵus ricevis la subvencion de la Nacia Patronaro por Turismo en sumo 2.500 pesetoj por esp laboro al Turismo. Jen, ankoraŭ unu fakto, ke gravaj org. jam serioze uzas servojn de Esperanto. Senpagan prituristan specimenon postulu de: Patronato National del Turismo, Strato Medinaceli 2. **Madrid.** — XIII-a Kongreso de Socialista Partio, unuanime akceptis rezolucion, dezirantan de Registaro oficialan enkondukon de Esp. en lernejojn. Jen grava paŝo antaŭen. Ni aldonu, ke Registaro estas tre favora al Esp. do ni eble nelonge ĝisatendos efektiviĝon.

**Japanlando.** — En ĉi tiu lando estas 47.000 organizitaj esperantistoj. Registaro tre favoras nian lingvon. Jen s-ro Nagata urbestro de Tokio paroladis radie kaj akcentis interalie urĝan bezonon de Esperanto por internacia celo.

**Latvio.** — urbo Liepaja havas nun Esperanto — straton. En Riga oni gvidas kurson en la urba mezlernejo.

**Nederlando.** — En Arnhem okazos „Internacia Esperanto-Kurso" dum 21 junio — 1 julio 1933 speciale aranĝota por la geoficistaro de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono. Detalojn postulu de: *Internacia Ĉseh-Instituto de Esp*, *Oostduinlaan 32 Den Haag.*

**Svedujo.** — La regento kronprinco Gustaf Adolf, vizitis Esperanto-ekspozicion aranĝitan de stokholmaj esp. en hotelo „Regina". Kronprinco atente trarigardis ekspoziciaĵojn kun videbla intereso. Rektoro Sam Jansson kaj s-ro T. Julin klarigis ĉion. En la jaro 1934 en Stokholm okazos 26-a Universala Kongreso de Esperanto.

**Pollando.** — VI-a Tutpollanda Kongreso de Esperanto okazos (Pentekoste) 3, 4 kaj 5-an de junio en Varsovio. Aliĝu tuj! Partoprenu kiel eble plej multnombre, sciante, ke la sukceso de la kongreso estas unu el la plej gravaj batališoj por nia afero, do vi senprokraste kaj intense ekpropagandu!

*Loka Kongresa Komitato (Lokoko): Warszawa, Widok 19.*

**Internacia Hejmo Esperantista** fondita de gesinjoroj Yelland el Londono en la j. 1931 en Franclando 13 km. ekter Nico en Aspremont (Alpes Maritimes) propraĵo kaj sub la aŭspicio de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-movado (Genevo) Svislando, estas la unua unika en plena senco de l' vorto la „Esperantista Ripozejo". La Internacia Hejmo Esperantista havas belegan situon kaj servas kiel renkontiĝejo al libertempantoj el diversaj nacioj, kie oni uzas la lingvon Esperanto praktike.

Ĉu ni povus imagi pli bontrov-aranĝon — ĉu ni ne sonĝis pri simila projekto — jen vera landeto por esperantistoj - „Esperantujo".

La vestiblo de l'Hejmo (antaŭ domo) estas libera aro da taraso-parceloj dividitaj kaj nomitaj laŭ nomoj de l' esp. naciaj pioniroj, por eternigi iliajn nomojn, jen: Anglujo — Mudie, Belgujo — Van der Biest, Francujo—Bourlet, Germanujo—Trompeter, Holando—Nutters, Japanujo — Nakamura, Polujo — Zamenhof, Rusujo—Ostrovski, Svisujo—Hodler, Usono—Payson.

Ciu parcelo estas plantita de diverspecaj fruktarboj kreskantaj en koncerna lando — jen la parcelo de „Nakamura" posedas japanajn originalajn fruktarbojn donacitaj de japanoj. — Imitu aliaj landoj!

Ĉiu esperantisto trapasanta Francujon vizitu la esperantan teron kaj ĝian loĝantaron — Bonvenu! (Detalan prospekton postulu laŭ supra adreso).

Red.

## *Fiŝkaptado sur la maro.*

Estas dimanĉo vespere. Facila venteto pelas la ŝipojn ku iliaj grandaj. altaj, divers kolorigitaj veloj tra la kanalo de la fiŝista vilaĝo en la maron. Unu post la alia preterglitas nin. En la malferma maro disveturas ili en multaj direktoj, ĝis ili malaperas en la mullumo. Nur se la lumo de la lumturo ekbrilas, oni ankoraŭ por momento vidas la konturojn de la veliloj kiel fantomaj ŝipoj. La laboro de la fiŝistoj komencis. De ĉi tiu malfacila, pena kaj danĝera laboro mi volas rakonti al vi. Ĉiun vesperon inter la naŭa kaj deka horo la fiŝistoj veturas sur iliaj velboatoj en la maron. krom la veloj, mastoj kaj la multaj ŝnuregoj antaŭe ĉe la ŝipoj vi vidas ankaŭ la tielnomatajn „okulojn" ĉar „la ŝipo devas vidi" kiel diras la fiŝistoj.

Tuj se la fiŝistoj estas sur la vasta maro, komencas la fiŝkaptado. Ĉiam laboras du velboatoj kune. Se la grandega, ĝis 20 m larĝa reto estas eljetita inter la ambaŭ velboatoj, la ŝipanaro povas dormi. Nur ĉe la direktilo alterniĝe devas deĵori viro. Apenaŭ ekmatenas, la reto estas unuafoje altentirata. Oni jam devas tre forte tiri, por ricevi la kaptaĵon sur la ŝipon. En la reto estas granda barakto. La bedaŭrindaj bestoj saltas kaj batumas. Ili ja ankaŭ sufokas en la aero, kiel ni sufokas sub la akvo. Estas rondaj kaj longetaj, plataj kaj dikaj fiŝoj kraboj, rajoj, sepioj, eĉ katskvaloj, malpli granda speco de skvaloj. Nun oni forjetas ĉiujn senvalorajn fiŝojn, la krabojn kaj ankaŭ la junajn fiŝetojn, „ĉar ili ankoraŭ devas kreski", kiel diras la fiŝistoj. La aliaj venas, post kiam ili estas mortigitaj kaj eligitaj, en grandajn korbojn, kiuj estas metitaj en la ŝipinterno. „ŝipinterno" Ĉu tia barko ankaŭ havas ŝipinternon?" vi demandos. Ĉu vi jam estis ĉe migrado en malluma, fulga alp-

# El la junulara vivo.

## Junular-movado en Ruslando.

La eksterlandaj esperantistoj, kiuj vizitas Ruslandon ofte demandas rusajn esperantistojn „kial en Sovetio Esperanto ne progresas tiel kiel en okcidenta Eŭropo?" kaj oni devas konfirmi ke jes. En Sovetio lingvo internacia ne prosperas. Sed ĉu ekzistas aro de diversaj faktoroj, kiuj malhelpas por progresado de la lingvo? Ĉu rusaj samideanoj ne havas analogiajn emon kaj fervoron same kiel eksterlandaj? Ĉu registaro malfavoras por Esp. propagando? Ĉu ĝenerale estas malbonaj kondiĉoj por disvastigo de Esperanto en Sovetio?

Ne, tute ne. Eĉ se nuntempaj kondiĉoj estas ne tre bonaj, oni do povas ilin plibonigi kaj perfektigi. Sed la plej grava faktoro, la plej grava malhelpo el ĉiuj suprenomitaj kondiĉoj estas la metodo de la instruo. kaj specifia starigo de la lingva propagando. Oni (la gvidantoj de rusa esperantistaro) tute malaaprobas pure lingvan problemon de la lingvo internacia. La disvastigo de Esperanto kaj aparte inter junularo, nur tiam povas esti ebla, kiam la lingvon oni aplikas en ĉiuj branĉoj de ĝia uzado. Por ĉiuj diversaj objektoj inter sfero de aplikado de lingvo. Tio estas la plej rekta kaj sendube certa vojo al daŭra progresado de la lingvo internacia. Sed bedaŭrinde en Sovetio oni pensas aliel. Oni predikas Esperanton nur kiel ilon por revoluciigi junularon kaj fari el Esperanto nur komunisman dogmon. Ja, unu eminenta rusa gvidanto publikigis en rusa Esp ĵurnalo, ke „Esperanto apatenas kaj devas aparteni nur al proletaro, ĉar ĝi estas tute proleta heredaĵo?!" Do, estas klare, ke instruado de lingvo esp. estas nur kiel bazo por bolŝevismaj ideoj, sed ne nur kiel lingvo por diversnacia aplikado. En pioniraj taĉmentoj (speco de rusaj skoltoj sed kun komunisma influo) oni denove starigas Esperanton kiel pure komunisman dogmon. Certe, ke ĉi-tiuj paŝoj de l' gvidantaro ne povas havi bonajn rezultojn, kaj per ĉi tiu metodo oni ne disvastigas la lingvon sed malprosperigas ĝenerale ĝian ekzistadon en Sovetio. En Nikolaev oni enkondukis en urba supregradaj lernejoj Nr. 1, 5, 8, 15 la instruon de Esperanto sed bedaŭrinde post kelkaj lecionoj la rondetoj disfalis. En Kiev, ankaŭ kun analogiaj sukcesoj, kaj tio estas evidente kaj kompreneble, ke embarasigi la junajn kapojn anstataŭ gramatikaj terminoj per devizo „Proletoj de la mondo unuiĝu vin" ne donos la ellernon de lingvo sed malaperon de intereso je la flanko de l' studantoj mem. La metodo de l' instruo laŭ ĉi tiu vidpunkto regas en ĉiuj lernejoj kaj kulturaj institucioj. Do ne prosperado de internacia lingvo sed malrapidema, sed certa vojo al iama pereado de Esperanto. Dua grava faktoro; tio estas la manko de esperantaj gazetoj en Sovetio. Se ni rigardas eksterlanden en ĉiuj landoj ekzistas aro da diversaj Esp. eldonoj, diversaj periodivaj legaĵoj. Sed en Sovetio. bedaŭrinde ne analogiaj aferoj. Ekzistas nur „Bulteno de S. E. U." aperanta ĉiumonate, sed fakte ĝi aperas kun malfrueco dum 2—3 monataj. Jes, estas unu ĵurnalo, sed tute rusa kun nomo „Internacia lingvo" sed ĉi legaĵo estas taŭga nur por plenaĝuloj sed ne por junularo aŭ komencantoj. Sed bonajn, instru-illegaĵojn, helpaj por studado tute ne ekzistas ne nur por junularo, sed por ĉiuj. Kaj tria grava faktoro, la malbonaj cirkonstancoj. Kaj malfavoran atentemon al Esperanto: oni ĉiam preferas anglan, germanan sed ne lingvon internacian. Registaro mem tre favoras Esperanton sed lokaj organizoj kun akra suspektemo kaj severo reĝas pri lingvo. Do ni povas konkludi kiujn rezultojn ni povas havi, „kiujn semojn oni semis, tiun rikolton havigos".

*Rudolphus.*

---

**Polando.** — Esp. junulara rondo ĉe lublina gimnazio, gvidata de s-roj Klimowicz kaj Janicki bone prosperas. Oni gvidas kurson por skojtoj. En Varsovio red. A Zambrzycki, vigle propagandas Esp. inter skoltoj vizitontaj Budapeston. En Zgierz s-ro H. Lewkowicz gvidas kurson kun 25 sportuloj. S ro A. Kożuch (TEJA repr) gvidas esp. kurson en Kraków kun 30 p. Redaktoro de J. E. tre dankas por ricevitaj salutoj okaze de amika renkontiĝo de skoltfratoj el Wien en Bratislava.

**Estonio.** — Dankon al niaj skoltfratoj Arno Allik kaj Karlo Joost (S. E. L.-repr,), kiuj fervore propagandas Esp. en loka skoltaro.

---

kabano, kiu ne havis fornon, sed nur malferman fajron? Vidu, tute simile aspektas „sub ferdeko". Kelkaj lignaĵkuŝejoj, fajroloko, kelkaj kuirpotoj, kelkfoje benko. Ĉe la plafono pendas lanterno, ĉar ankaŭ tie malsupre estas mallumege. Sur la lignaĵkuŝejoj dormas dum la nokto la fiŝistoj.

Granda ĝojo regas, se estas kaptita delfeno. Se estas iuj en la proksimeco, estas elĵetitaj la grandaj fiŝhokoj, ĉar la reton ili disŝirus. Se delfeno ekmordas, poste eksonas: „Ĉiuj viroj sur la bordon!", ĉar ĉi tiu rabbesto havas grandan forton. Sed tiel elkreskinta fiŝo ankaŭ estas longa du metrojn kaj pezas ofte 200 kilogramojn kaj pli! Ankaŭ se la suno jam staras super tagmezo, la laboro daŭras. Reto post reto estas altentirata kaj denove enakvigata. Nur posttagmeze estas farita provizora libertempo, la reto surpendigata por malsekiĝo kaj la direkto prenata al la hejma vilaĝo. Se la kaptaĵo estis riĉa kaj la vento blovos bone, tiel, ke ili rapide venas landdirekte, tiam la krudaj viroj eble iufoje kantas iliajn popolkantojn.

Je la kvina ili revenas. La laboro ankoraŭ ĉiam ne finiĝis. La fiŝoj devas esti konvene unigitaj kaj venas en la aŭkcia halo sur la pezilon, ĉirkaŭ ĉi tiu sidas la aĉentantoj, plej ofte grandkomercistoj. kaj ekzamenas, ĉu la fiŝoj estas bonaj. La aŭkcianto elvokas la prezon, kaj tiu komercanto, kiu pagas la plej altan prezon, ricevas la fiŝojn.

La fiŝistoj estas tre malriĉaj, ĉar ili ne multe perlaboras. La plej multaj ne mem posedas ŝipon kaj devas pagi por lar luo de ĉi tiu. Dum la vintro, kiam la kaptaĵo ofte estas tre malriĉa, ili kelkfoje perlaboras tute nenion. La fiŝistoj. pri kiuj mi rakontis al vi, estas la italaj, sed verŝajne ne estas granda diferenco inter ilia vivo kaj tiu de alilandaj „laboristoj sur la maro".

F. W. V.

# Pacifista „PACO“ Parto.

## La junularo kaj la Mondpaco.

Okaze de la tago de Bonvolo, la 18-an de majo aperadas ĉiujare la pac-gazeto sub lu supre menciita titolo. La ĉi gazeto unuan fojon aperis en la j. 1928 en Nederlando, kaj depost ĉi tiu tempo aperadas regule unu foje en la jaro jela sama dato. La gazeto aperis ĝis nun en la lingvoj: angla, franca, pola, germana, japana, nederlanda, malaja kaj hina.

Ĉiu esperantisto povas kompreni la gravecon de eldono en Esperanto, kiu ja estas la plej taŭga lingvo por disvastigi la pac-ideon. Ni scias, ke jam multaj fervoruloj atendas esperantan eldonon. Krome ĝi estus ekstreme taŭga por la landoj, en kies nacia lingvo la gazeto ankoraŭ ne aperis (sveda, norvega, dana hispana, hungara, rumana k. t. p)

La prezo ne povas timigi iun, ĝi estas nur — *10 sv. cent. por ĉiu ekz.* rabato ĉe pliaj.

Tial ni alvokas ĉiujn, ke ili mendu kiel eble plej multe da ekz. por la disvastigo inter siaj konatuloj (gelernantoj, gesamideanoj).

Tiamaniere vi bone servos por disvastigo de la pac-ideo en tutmondo.

Mendu ĉe: F-inoj Christina kaj molly Keiser 2e Schuytstraat 155, Den Haag, Nederlando, aŭ ĉe Administracio de J. E. (P. K. O. Kraków, Nr. 413.944) [1 ekz. 0·20 gr. por pollandanoj].

## Paco per Esperanto

Gabriel Ceavet

(2. daŭrigo)

Nia Esperanta movado estas parto de tiu Superŝtato: pli bone estas diri, ke la Esperanta movado estas malgranda (ĝis nun) bildo de la Superŝtato, kiu montras ĝin tia, kia ĝi devus esti. Nia movado estas kunigo de diversaj grupaĵoj, institutoj, asocioj kun diversaj celoj, kiuj laboras, ne sur la plano nacia, ne en la kadroj de la nacioj, sed sur alia plano, sur plano supernacia. Sed ĉiuj miaj legantoj scias, ke nia Esperanta movado havas specialan karakterizon, kiu distingigas ĝin de la aliaj internaciaj agadoj; t. e. la uzo de komuna lingvo.

Pri la granda diferencigo inter la Esperanistaro kaj la aliaj internaciaj grupaĵoj, kaŭzita de la uzo de komuna neŭtrala lingvo, mi ne bezonas insisti tie ĉi; mi skribas por konvinkitoj. Sed mi volas insisti pri la grandioza rolo kiun ni, Esperantistoj, devus ludi kaj ludos en la organizo de la estonta homaro, en la fortikigo de la kontraŭmilitaj institucioj, en la evoluigo de la eksternacia ŝtato, pri kiu ni parolis supre, ĝis la definitiva starigo de la monda paco.

(daŭrigota)

## Skoltismo en La Usono

### La skolta moto kaj kriegoj

*Rev. J. H. Fazel. Topeka. Kansas. Usono.*

En la Usono sin trovas nun ĉirkaŭ 650 000 skoltojn. Ĉiu de ili scias la nacian skoltan moton, „Estu Preta“. Angle, „Be prepared“. Eble tiu estas ankaŭ la moto de ĉiuj skoltoj ĉie; mi ne scias, sed mi esperas ke jes. Tamen se tiu estus la vero, ili ne dirus „Be prepared“. Kontraŭe la Franca skolto en la Fraca lingvo, diros Soyer pret. Dum la Hispana dirus, (sea preparado), La Finlandano prefere dirus „Ole valmis“, „La Hollandowees Bereid“, „La Germana skolto ĉiam kriis“, „Sie fertig“, La Ruso, (Pioniroj) „Pregatv“ (Bud Gotoff, La Norvego, „Vaer beredd“, La Serbio „Budi Spremna“, La Sveda „Var redo“, La Estonio — „Bud Pripraven“, La Greka, (jes, skoltoj estas tie) „Na isso etimos“, La Latvio — „Esi nudra“, La Itala „Prepari“ (aŭ Sü preparata), Poland — Czuwaj, La Koreano „Yapi-hari“ (ĵunbi), La Ĉino „Yu be“.

Ho ve! Tiu estas tro multe por mi! Dekok (18) formoj de nur du malgrandaj vortoj! sed mi jam ne mencias eĉ la duonon da, skoltaj lingvoj Tamen mia kapo turniĝas! Mia lango estas tordita kiel knodo. Ĉu mi devas ellerni cent vortojn por ke mi povus diri du?! „Tute ne“ ekkrias la 650.000 skoltoj de la Usono, „prefere ĉiuj simple ellernu la nian kaj ĉiuj diru „Be prepared!“ „Ho ne“, respondas la Germanaj skoltoj, ĉiuj diru „Sie fertig“ kiel ni. „Ni neniam“ diros la Francaj skoltoj, sed ĉiuj diru „Soyer pret“. Ja tiel dirus ĉiunacio.

Nu, ni ne volas, eĉ ne povas uzi ian nacian lingvon, krom la nian, ĉar sin trovas tro multe da ili. „Tial“, diras la S. E. L. anoj ni ĉiuj ellernu la neŭtralan, belan krion kaj en, Esperanto; — „ESTU PRETA!“ Ne anstataŭ via nacia moto sed aldone. Tiam vi estus preta renkonti iun ajn skolton de ie en la tuta mondo. Tiu estus pli facila por vi ol lerni cent diversajn lingvojn, ĉu ne? Kaj tiam ni ĉiuj povos paroli kune „komprenante unu la alian“.

En nia Usona lando ni ankaŭ havas inter kelkaj trupoj trupkriegojn, aŭ eĉ rotajn kriegojn. Dum la lasta somero mi instruis dudekkvar skoltojn el trupo 31, ĉe la katolika eklezio, Sankta Nomo (Holy Name) (tamen mi mem estas Protestanta predikisto). Mi verkis por ilia uzo la sekvantan kriegon. Jen ĝi estas; lernu ĝin parkere, kaj instruu al via trupo, aŭ roto;

Estu preta! Estu preta!
Kriegu, kriegu.
Bonserveta, Bonserveta.
Kuregu. Kuregu. HALTU!

Sendube via skottestro povas verki por vi alian. Se ne, vi mem faru iujn. Ĝi estas tre bona propagandilo. Ĉu ne?

Nun mi havas alian klason da skoltoj el trupo Nr. 31. Hodiaŭ mi verkis por ili tiun ĉi skoltkrion.

A-Mo-E-Ro-I-Ko-A. (Alfabetumu)
Knabaj skoltoj venas ja.
Nun ni portas al vi bonon
Kaj ni krias fortan sonon.
HU-RA,RA,RA! Tre laŭtel)

Ĉu vi en via lando uzas tiajn kriojn? Skribu al mi pri tiu, se vi volus. Se vi ne uzas, tiam provu unu krion, kaj vi sendube havos grandan sporton.

Tiujn ĉi kriegojn oni ne uzas escepte ĉe intertrupaj kunvenoj, aŭ publikaj kunvenoj por ke entuziasmigi la kunulojn; kutime kiel surpriza interrompado de la programo; precipe se la programo ŝajnas esti neinteresa, aŭ dormema. Tiam la trupo aŭ eble nur unu roto ĉe signalo sekrete donata al ili per la kriegkondukanto, aŭ rotestro, ekstaras, kaj ĉiuj ili kune per laŭtaj voĉoj ekkriegas la vortojn, ritme, kaj tiam silentas.

# Skolta Esperanto-Movado.

Faka Organizado Esperantista

## Skolta Esperantista Ligo — Fondo 1918.

**Celoj:** 1. Disvastigi la skoltajn idealojn per Esperanto.
2. Disvastigi Esperanton inter ĉiulandaj skoltoj.
3. Krei skoltan literaturon en Esperanto, fakvortaron.
4. Eldonadi internacian skoltan gazeton.
5. Solidarigi la senton de frateco, komunan ĉe la du movadoj inter diversnaciaj junuloj. Uzigi Esperanton ĉe ĵamboreoj.

Skoltismo estas fondita de Lordo Robert Baden-Povel, ampleksas jam 2,000 000 knabojn en la tuta mondo, celas korpe kaj anime progresigi la junularon al pli alta homa idealo, kiu vivkapablas en ĉiu cirkonstanco, trovas mem solvon en malfacilaĵoj, estas preta ĉiam helpi al ĉiu alia kaj estas servopreta, humila, fidanta kaj vigla. Gravaj estas ekzercadoj, ekskursoj, vivado, tendarado en la libera naturo, ofte en fremdaj landoj. Venonta mondskolt-kunvenego (ĵamboreo) okazos en 1933 Gödöllö apud Budapest, Hungarujo.

**Organizo:** Centra komitato en Anglujo, naciaj agentoj k. reprezentantoj, kiuj formas grandan konsilantaron; membroj (skoltoj) kaj asocianoj (neskoltoj). Membroj povas esti krom skoltoj ankaŭ personoj favoraj al la ligo. Aparta skoltina fako.

**Gazeto:** Skolta Bulteno, Red. D. H. Davis, 23. East Dulwich Grove, London, SE. 22. England-Anglujo. aperas kvaronjare. Abonprezo: dol —·25 aŭ 1 angla shilingo.

**Kotizo:** Por skoltoj kaj skoltinoj (pli, ol 18 jaraj) 2 ŝilingoj anglaj
„ „ „ „ (malpli, ol 18 jaraj) 1 ŝ 6 p „
„ asocianoj kaj interesataj personoj 3 „ — „
En la kotizo senpaga bulteno kaj unufoja anonceto estas enkalkulata. Adresu aliĝojn kaj monon al la kasisto: D. H. Davis. (Adreso ĉe la gazeto)

**Estraro:** Patronoj: *J. M. Warden, J. Merchant, Dr. Edm. Privat, Vilho Setälä, Dr. H. W. Hetzel,* kaj Senatoro *A. Capper.*

Prezidanto: *A. W. Thompson,* (Avoto), Hon. ĝen sekretario: Norman *Boot,* Netherton, Huddersfield, England. Hon. Kasisto: D. H. Davis. Komitatanoj: H. W. Voigt, C. L. Atkinson, F. D. Murphy, J. W. Leslie, C. D. A. Capp, F-ino Fry, S-ino D. H. Morris, kaj T. D. Ling.

**Agentoj kaj reprezentantoj:**

Ĉeagentino: M. E. Chilton, 49, Macfarlane Road, Londono, W. 12. Anglujo.
Anglujo: H. Yarwood, 106 Glengall Road, Londono S. E. 15.
Aŭstralio: H. Tisdall, Cohuna, Victoria.
Aŭstrio: Hugo Jakob, Wien XVI, Friedmanng. 6.
Belgujo: J. Van Gulck, 26. Tweelingstraat, Antwerpen.
Brazilio: A. Coutes Fernandes, Laranjer 225 Rio de Janeiro.
Bulgarujo: Angel Matanor, Str. Orlovska 175, Gabrovo.
Ĉeĥoslovakujo: Fr. Kuĉera, Tajemnik sociaini Pece, V. Ustin. Labem.
Estonio: Karl Joost, Tartu, Voru 74-5.
Francujo: Yvon Tarabout, Villa Gemmsy, Sougeres-sur-Sinotte, par Auxerre (Yonne)
Germanujo: Adolf Decker, Eberstadt a. d. B. Hessen, Hochstr. 15 part.
Grekujo: S. E. Patsuris, 29, Tsamadu Str. Athen
Hispanujo: Rafael Gaston, Paseo de Sagasta 12, Zaragoza,
Hungarujo: Paulo Balkany, Budapest VI poŝto: 507.
Islando: sro. J. O. Jonnson, P O. Box, 966. Reykjavik.
Koreujo: Changmo Lee, Saido 59, Seulo, (Azio).
Litovujo: Aglinskas Atgiradas, Mariampoli,
Norvegujo: Carsten Lea, Marcusthrane str. 10 Oslo,
Polujo: Emil Mayer, Kraków, Lelewela 9,
Portugaljo: Antonio Caires, Blandy, s Bank, Funchal, Madeira,
Rumanujo: Julio Csapo, III. str. Memorandui 103 Timisoara
Sud-Afriko: E. C. Mabsey C O. Standard Bank ofs Africa, Commissioner Street Johannesburg,
Svisujo: Pastro Andre Rochat, Vaulion, Vaud.
Usono: Pastro John H. Fazel, 1122 West Eighth Street, Topeka, Kansas.

---

Mi diru al vi, ke kutime tiu krio ja vekigas la dormemulojn! Provu ĝin! Kaj vi vidos, lam ĉe futballudo, aŭ ĉe staciballudo la skolta roto, aŭ trupo donas la ekkriegon kiam iliaj favoritoj venkas.

**Skoltoj,** kiuj venos al ĵamboreo, kunportu esperanto flagojn kaj portu ilin okaze fest (parad) marŝoj, festoj, elmetu ilin en sia tendaro, ke multloke estus esp. fladoj!

## Abonprezojn por „Juna Esperantisto“

Vi povas sendi facile en nacia mono pere de ordinaraj poŝtĉek-blanketoj (riceve blaj ĉe ĉiu vialoka poŝtoficejo). Ĉiuj niaj eksterlandaj kontoj estas instalitaj je la nomo: „Pocztowa Kasa Oszczędności — Warszawa“ Nr. ...... (vidu koncernan landon). Escepte en Svisujo nia konto sonas — „Caisse d'Epargne Postale — Varsovie“. Sur alia flanko de blanketo indiku: „por abono de „Juna Esperantisto“ Kraków P. K. O. Nr. 413.944 — „dopis“ — (via adreso)...

Poloj pagu nur al nia P. K O. Nr. 413.944. En landoj, kie ni ne havas kontojn oni pagu al niaj reprezentantoj aŭ rekten per poŝtmandato al la Eldonejo.

Ni kore dankas al ĉiuj donacintoj por la subtena kaso, kiuj estas invitataj.

**Anglujo** (2 ŝ, 4 p.): S-ro Norman Booth, Netherton-Huddersfield
**Austrujo** (3 ŝil.): Oesterreichische Postsparkasse, Wien, konto Nr. 79.500
**Belgujo** (3 508): Office des chèques postaux, Bruxelles, konto Nr. 244.200
**Ĉeĥoslovakujo** (16 kr.): Postovni Sporitelna, Praha, konto Nr. 89.600
**Danujo** (2 kr.) Postgirokontoret, Kobenhavn konto Nr. 14 972
**Estonio** (2 Ekr): S-ro Karl Joost, Tartu, Vóru 74 5.
**Francujo** (12 fr): Bureau de Chèques Postaux, Paris, konto Nr. 60.012
**Germanujo** (2 M.): Postscheckamt, Berlin, konto Nr. 11.000.
**Holando** (1 g. 25 fl.) Bestuur van den Postcheque en Girodienst, s'Gravenhagen, konto Nr. 145.510
**Hungarujo** (2-4 p.): S-ro P. Balkanyi, Budapest poŝto 507
**Italujo** (9 L.) Ufficio dei Conti Correnti Postali, Roma, konto Nr. 1/10.110
**Jugoslavujo** (30 din) Postanska Stedionica, Beograd, konto Nr. 65.049
**Latvujo** (2 50 L.) Pasta Tekosu Rekinu Dala, Riga, konto Nr. 4.030
**Portugalo** (8 ess): S-ro Alberto Henrique de Sousa, Setubal, largo Dro. Francisco Soveral 4-3 a.
**Svisujo** (2 50 fr.): Office des Chèques Postaux, Berne, konto Nr. III/6.500
**Sovetunio** (1-R): S-ro Petro Surĵanenko, Valki, Harkovska Oblast
**Svedujo** (2 Kr.): Postgirokontoret, Stockholm, konto Nr. 4.312
**Usono** (0.50 dol.): S-ro H. Fazel, Topeka Kansas, 1122 West Eighth Street.

## HUMORO.

### Kian malsanon havas li?

**Sceno el malsanulejo.** En la hospitala ĉambro estas lito, en ĝi kuŝas la malsanulo, ne tre juna viro. Dum la taga vizitado la ĉefkuracisto envenas kaj iras al la malsanulo:

**Ĉefkuracisto:** Nu, amiko, mi vidas, vi komforte kuŝas en tiu ĉi lito! Diru al mi, kion vi havas?

**Malsanulo:** Malgrandan vendejon, sinjoro, doktoro.

Ĉ: Sed kara tio ne interesas min, diru, kia estas via stato?

M: Fre malbona! La homoj ne aĉetas, ne pagas, vi ja scias, la malbonaj tempoj.

Ĉ: Diablo! diru tion, kial vi kuŝas ĉi tie?

M: Ĉar la flegistino ne lasas min foriri el la lito.

Ĉ: Ĉielfulmotondro! Sed kio mankas al vi?

M: Ne koleru, sinjoro doktoro, al mi mankas du mil frankoj por pagi ŝuldojn de...

Ĉ: Mil diabloj kornaj, vostaj! Homo, tion diru, kio mankas al vi interne?

M: Ho ve, kara sinjoro doktoro, al mi mankas manĝaĵo, de du tagoj mi ne ricevis viandon.

Ĉ: Terure, mi tuj eksplodos. Do ĉu la doktoro, ĉe kiu vi montris vin, kiam vi venis en la hospitalon, ne diris ion?

M: Sed jes, jes, nur ne malbenu! Li diris: „Ha, vi estas jam denove ĉi tie!“ Jes, jes tion li diris.

Ĉ: Homo, amiko, se vi ne volas, ke mi saltu tra la fenestro, diru al mi, kio estas via malsano?

M: Mia malsano? Sed kial vi ne tuj tion demandis, sinjoro doktoro. Mia malsano? Bonvolu vi diri tion, tion mi ankaŭ dezirus scii. Ja vi estas la kuracisto, ne mi!

*S. F. Budapest*

## KORESPONDADO.

**Tutmondaj Gesamideanoj!** helpu al knabinoj de Kinroo Knabina Liceo, kiu volas aranĝi dum juj nio 1933 ekspozicion de infanaj pupoj kaj ludilotutmoodaj. Ĉiun helpon ni rekompencos per japanaj pupoj kaj ludiloj. Adreso: *Kiboŝa, Niŝiookubo 1-458, Jodohaŝiku, Tokio, Japanujo.*

**Skolta grupo,** deziras koresp. kun eksterlanda. skoltoj, *Ernö Farkas, Kecskemeti u. 12 Szeged, Hungarujo.*

**Koregaj el la tuta mondo!** mi deziras korespondi kaj ricevi diversajn il, postk. kun bildoj pri Esperanto kaj Paco, diversajn esp. glumarkojn kaj afiŝojn. Rekompence mi volonte sendos diversajn ilustr. gazetojn el mia lando. *Petro Surĵanenko, Valki, Harkowska oblast, Ukrainio, Sovetio, USSR.*

**Geskoltoj ĉiulandaj!** Sendu tuj vian adreson por ke vi enestu en la aperonta adresaro de esp. skoltoj. *Emil MAYER* (*S. E. L. repr.*) ***Kraków Lelewela 9, (Pollando).***

Redaktor odpowiedzialny i wydawca: EMIL MAYER. Drukarnia Literacka Kraków XXII, Plac Zgody 4. — Tel. 146-13.